# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 19/04/2018 Tricentsepdeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,650,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,300,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 349,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 2 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Marto 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 24 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



PAG ĝuste indikas, ke ni devas ne imiti Zamenhof kiam li malĝuste uzas "lasi" anstataŭ "igi", ekz. en "Li lasis (= igis) poluri sian kronon". Tio estas verŝajne ĉar la germana kaj la nederlanda tendencas uzi *lassen/laten* anstataŭ la nekutimaj "*machen*" kaj "*maken*" *("Ik laat hem de brief kopieren" = I make him copy the letter")*. En certaj signifoj, kaj teorie eĉ ĉiam, oni povas juĝi "lasi", kaj eĉ "igi", ordinaraj verboj anstataŭ faktitiva voĉo. La samon oni povus diri pri "ati", kiu kiel sola verbo ankoraŭ ne uzatas, kaj pri "iĝi" kiu ofte sola uzatas. Ĉar la faktitivaj sufiksoj, "-igi" kaj "-lasi", nature uzatas nur kun verbaj radikoj, same kiel "-ati" kaj "-iĝi", ĉe la uzo de "-igi" kaj de "-lasi" solaj, tiuj verboj "igi" kaj "lasi" ne estas faktitivoj se ilia predikativo ne estas infinitivo, ekz. "Oni igis la manĝaĵojn pli multekostaj" escepte se oni juĝas ke en tiaj kazoj oni devas subkompreni ke forlasatis la infinitivo "esti", do ke "Mi igis la domon (esti) blanka (= blanki)".




*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Paŭl Gorny



paceme mortis ĉe sia hejmo je la 20a de Marto 2018

Paŭl naskiĝis en Ĉeĥoslovakio en 1937. Post la milito li kaj kun sia familio ekloĝis en Aŭstralio

Li havis edzinon, Sandra, dum la lastaj 51 jaroj kaj kvar filinojn.

Paŭl lernis Esperanton antaŭ 20 jaroj kaj partoprenis Internaciajn Kongresojn kaj Konferencojn en Rigo, Vilno, Roterdamo kaj Yokohama. Eble pli.

Malĝoje, *Sandra Gorny*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.

La 21a de Aprilo estos la tria sabato. Venu!

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Hygge"



La Danoj verŝajne estas la plej feliĉaj homoj en la mondo, kaj *hygge* estas la bazangula ŝtono de ilia vivostilo. Tiun al mi novan vorton mi lernis aŭskultante (en la angla) la kompaktdiskon "*La Eta Libro de Hygge - danaj sekretoj al feliĉa vivo*" de Meik Wiking. *Hygge (*prononco *huga),* tradukiĝas komfortosenso, kuneco kaj bonfarto. Kompreneble, tio estas nur proksimuma signifo, kaj sendube oni devas almenaŭ iom vivi en Danlando, se ne mem esti Dano, por vere kompreni kaj senti hygge-n. Ekzemploj de tiu paradiza vivo estas: divido de komfort-manĝaĵo kun viaj plej bonaj geamikoj, kareso kun amato (ĉu homa ĉu besteta), ĝojo pro trankvilo aŭ pro belega sunsubiro. Temas pri dankemo kaj gustumo de la simplaj vivo-plezuroj, t.e., pri la postkurado de ĉiutaga feliĉo.



Mi tre ŝatus lerni, de nia 'propra' kaj kara eks-Dano, jam de multaj jaroj Adelajdano, Bob Felby, lian opinion pri kaj spertojn de *hygge*.

*Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Adelajdo



La aprilan kunvenon de la adelajdanoj ĉeestis 11 personoj. La ĉefparolanto de la vespero estis Sandor Horvath, kiu nur unu tagon antaŭe revenis el Indonezio, el la trilanda kongreso en Bekasi. Ni ricevis de li raporton pri la tieaj okazaĵoj kaj atingoj, sed ankaŭ pri la malfacilaĵoj, eventuale mankoj. La aranĝo havis nemultajn okcidentulojn, sed bonan reprezentadon de la malgrandaj nacioj norde de Aŭstralio.

Samvespere Sandor prezentis al ni la prelegon, kiun li havis en Bekasi: pri flagoj. Ni multe lernis de ĝi.



Amike, *Katja Steele*



# Postkongresa ekskurso en Bali.

Je la fino de la Trilanda Kongreso en Bekasi, ses homoj - unu novzelandano kaj kvin aŭstralianoj , flugis al Bali anstataŭ tuj rehejmiĝi.



Eble Bali pensigas ankaŭ vin pri belaj plaĝoj plenplenaj de eksterlandaj turistoj kaj akvosportoj. Tamen ni malkovris aliajn aspektojn de la insulo.

Ni vizitis multnombrajn templojn:

- Uluwatu.sude de Denpasar, konstruita sur klifo, kie ni rigardis spektaklon bazitan sur la Ramayana legendo, kun ĝiaj imponaj Kecak dancistoj. Ĝi okazis je la sunsubiro kun la maro kiel fono de la scenejo.
- Tanah Lot, Taman Ayun,Goa Gajah, Monto Kawi , Ulun Danu Beratan kaj Tirta-Empul, kie homoj vicis por eniri basenon kaj purigi sin per la falanta akvo.
- La gvidisto, Ton, klarigis ke en Bali ekzistis , kaj daŭre ekzistas kvankam la divido ne plu estas tiom grava, tri kastoj kaj ĉiu devis konstrui sian templon krom la personaj temploj de la familio.



Ni malkovris ankaŭ la naturon, serpentumante ĝis Kintamani en la nordo de la insulo, por admiri la monton kaj la lagon Batur. Je nia alveno multe pluvis, la nuboj

ĉirkaŭis nin, sed kiam la pluvo ĉesis neordinara lumo lumigis la tutan pejzaĝon.

La sekvan tagon la plej kuraĝaj malsupren iris laŭ pli ol tricent ŝtupoj al akvofalo Sekumpul. Ni haltis ankaŭ en rizkampoj kaj plantejo de kafo kaj diversaj spicaĵoj kiel zingibro .

La simioj estas la plej ofte renkontataj bestoj.

Mi tre ĝuis malkovri parton de la mondo, kiun mi antaŭe ne konis sed mi trovis malfacile konscii ke mi ĉeestis Esperanto-aranĝon, ĉar Esperanto ne estis ofte uzata.

Jen la demando: ĉu postkongreso estas plilongigo de Esperanto- etoso aŭ ĉu ĝi estas antaŭ ĉio turisma tempo?

Kiam ĉeestas komencanto , ĉu prefere uzi la anglan por ke li ne sentu sin ekskluzivata? Aldone al tio ludis rolon la “filozofio” de kelkaj partoprenantoj, kiuj opinias ke ne necesas atingi altan lingvonivelon, la celo estas “komuniki” kaj la fakto ke Pande, la organizanto, iam intencis lerni Esperanton, ricevis helpon tiucele, sed ne realigis sian projekton.

Li mem laboris en alia kampo kaj transdonis la taskon al aliaj homoj, foje al profesia gvidisto, kiu povis doni kulturajn klarigojn, foje al iu, kiu nur povis ŝofori kaj atendis nin ekstere dum ni vizitis la lokojn.

*Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Brizbana Esperanto Societo intencas donaci Esperanto-librojn por nia Brizbana Biblioteko kie estas niaj kunvenoj. Bedaûrinde ni ne havas ekstrajn sufiĉe novajn vortarojn aú librojn por lernantoj. Ĉu iu estos feliĉa doni aú interŝanĝi librojn de nia BES biblioteko?

*Petro Danzer* BES Sekretario



# Toowoomba Esperanto Societo

En aprilo membroj de la Toowoomba Esperanto-Societo kunvenis por jarkunveno. Vidu bildon. Je la sekvanta tago Prezidantinon Sandra Connors kaj membron Linda Danzer ĝojigis la bela Botanika Ĝardeno. *Petro Danzer*







# Semajna raporto de Melburno

**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 15-an de Aprilo naŭ homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar por kafumi kaj babili. Ni ankaŭ iomete ludis.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 16-an de Marto ses homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni rigardis fotojn de la lastatempa ferio de Heather al Kamboĝo, kaj penis traduki du malfacilajn frazojn trovitajn de Jo.

**VENONTAJ KUNVENOJ** (Ni ne kunvenos je Lundo la 23-a ĉar multaj homoj estos for)

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 22-an de Aprilo je 15:00-17:00

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1091 Instagram – 157

Facebook – 380 Telegram – 19

Twitter – 389

*Joanne Johns*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉu forlasi Esperanton ?



Antaŭ ol forlasi la vivon, ĉu valoras helpi Esperanton, se la plejmulto el la plej spertaj Esperantistoj daŭrigas rifuzi korekti siajn kutimajn gramatikajn erarojn? Ĉu valoras plu montri, senrezulte, ilian komprenmankon? Ĉu valoras batali por Esperanto, se la plej kleraj Esperantologoj fuŝas la lingvon per gramatikaj eraroj? Se tial ne valoras labori por Esperanto, ĉu uzi unu el la alternativoj? Unu alternativo estas peni konvinki la ne-Esperantajn lingvistojn, ke Esperanto ne valoras lernati pro tio ke la elito de la nuntempaj Esperantologoj ne kapablas kompreni siajn gramatikajn erarojn kaj tial fuŝas la lingvon. Pluraj el la ne-Esperantaj lingvistoj komprenos, kion la Esperantologoj ne kapablas kompreni. Sed pluraj el ili estas aŭ estos malamikoj de Esperanto, kiuj uzos miajn klarigojn por batali kontraŭ la akcepto ante Esperanton, Ĉu do helpi ilin? Kvankam nevole? Aŭ ĉu mensogi dirante ke Esperanto estas perfekta kaj ke la Esperantologoj estas perfektaj? Mi povas doni pli ol deko da gramatikaj eraroj regule kaj konscie, pro manko de kompreno, uzataj de la eŭropaj Esperantologoj. Ĉu valoras resti Esperantisto kaj senrezulte plu klarigi iliajn erarojn? Tiu penso ofte venas en mian menson, kaj mi prokrastas, prokrastadas, ĉar mi komprenas ke por eŭroplingvanoj kelkaj gramatikaĵoj estas malfacile kompreneblaj, pro iliaj etnaj lingvoj precipe. Kompreneble estas esceptoj.

Estas alia alternativo, sed ege malfacila por mi. Tio estas, kontakti ĉiujn instancojn en la mondo al kiuj U.E.A. aŭ aliaj organizoj petis enkonduki Esperanton, kaj klarigi al ili, ke Esperanto estas akceptinda nur se la eraroj oficiale denuncatos. La Akademio de Esperanto estas senutila, ĉar la plejparto de ĝiaj membroj ne estas lingvistoj, kaj la resto klera sed ne sufiĉe klera por juĝi pri la eraroj. Kompreneble estas esceptoj.

Tiu eliluziiĝo pli forte eniris mian menson kiam mi legis en A.E. kaj precipe en E.S.K. la daŭran kaj konscian malĝustan uzon de kelkaj participoj. Temas pri tre spertaj eŭropaj Esperantistoj kiuj ne sufiĉe scias la gramatikon de la participoj en siaj etnaj lingvoj. Ne temas tamen pri tiuj modernaj Esperantistoj kiuj uzas la unuvortan pasivan verbon, nome tiun kun la pasiva sufikso "-ati", sed pri tiuj kiuj ankoraŭ uzas la malnovan mallogikan pasivon kun du vortoj por unu ago, nome la verbo "esti" kaj la adjektivo en "-ita", "-ata", kaj "-ota". Ĝi estas parta kopio de la eŭropa pasivo, nur parte, ĉar la eŭropaj lingvoj uzas helpverbon kun verba participo, ne adjektiva participo kiel en Esperanto. Jen nur kelkaj ĵusaj ekzemploj de ege sperta, sed bedaŭrinde ne sufiĉe ege sperta, germana Esperantisto. Ili troviĝis en A. E. n.roj 364, 365, kaj 366:

1). "Ekzistas pli ol 100 disvastigitaj Esp. ĵurnaloj.": Ĉu ili ne plu estas disvastigataj?

2). "Ĝi (Pasporta Servo) estas aranĝata de T.E.J.O.": Ĉi tie la participo ĝustas, post mia artikolo.

3). "La mondo nuntempe havas ĉirkaŭ 7.000 parolitajn lingvojn. Ili havas nur kelkajn parolantojn": Se la homoj estas parolantoj (anstataŭ parolintoj), la lingvoj estas de ili parolataj (anstataŭ parolitaj, kio signifas ke ili ne plu estas parolataj).

4). "Nur ĉirkaŭ 10 (aborigenaj lingvoj) ankoraŭ estas parolitaj": Tio signifas, ke en iu pasinta tempo la dek lingvoj estis ankoraŭ parolataj., kion la verkinto ne celis.,

5). "(Ili estas) endanĝerigitaj lingvoj": Tio signifas ke ili en antaŭa tempo estis endanĝerigataj sed ne ke ili nun estas endanĝerigataj, do verŝajne ne plu ekzistas.

La problemon de miskompreno kaŭzas, ke la eŭropaj lingvistoj, inkluzive de la Esperantaj, ankoraŭ ne scias, ke iliaj lingvoj havas, krom prezencan kaj pasintan (perfektan) participojn, trian participon kiu ne indikas tempon sed nur pasivecon. Tiu lasta havas la formon de pasinta participo sed la nuran funkcion de pasiveco. Preskaŭ ĉiuj eŭropaj Esperantistoj, do malĝuste pensas ke en "La fazano estos morgaŭ manĝata" *(= manĝatos = wird morgen gegessen werden)* la participo "*gegessen*" estas pasinta participo. Tio estas ridinde malĝusta, ĉar en tiu frazo neniu vorto indikas pasintan agon kaj ĉio okazos en la estonteco. La samo estas la kazo en "*wird gerade nun gegessen*" (estas nun manĝata, = manĝatas), en kiu frazo la ago okazas nur en la estanteco. Same en "*wurde gestern gegessen (ist gestern gegessen worden* en moderna germana), (= "estis hieraŭ manĝata, aŭ en moderna Esperanto "manĝatis hieraŭ"). La eŭropanoj malĝuste pensas, ke "*gegessen*" kaj "manĝata" estas pasintaj participoj kaj do en Esperanto devas esti "estis manĝita", kio kontraŭe indikus du pasintajn tempojn kaj do estus pluskvamperfekto (*war gegessen worden*, had been eaten). Ĉar la participo en "*wurde gegessen*", "estis manĝata", neniel indikas tempon, ĝi havas la neŭtralan pasivan finaĵon "-ata". La pasintan tempon jam indikas la helpverbo "estis", "*wurde*", "*was*". La eŭropaj lingvistoj, eĉ la Esperantaj, ne komprenas tion. Kompatindaj eŭropanoj! Kaj ili ne volas lerni ! Ĉu do pli bonas forlasi tiun malperfektan Esperanton?

Fakte mi jam ellonge forlasis la neperfektan Esperanton de la nuntempaj Esperantologoj, sed mi ankoraŭ restas membro de la perfekta Esperanto. Sed la tre kleraj sed kompatinde ne sufiĉe kleraj gazetredaktistoj ne kuraĝas publikigi mian Esperanton, kaj samtiale oni en Eŭropo bojkotas min. Kompatinduloj ! *Marcel Leereveld*

## Predikativoj: Ĉu necesaj, aŭ ĉu evitindaj ?

La Esperantaj frazoj, propozicioj (=*sentences*), konsistantaj el kvar bilderoj, el kvar frazpartoj, estas tre praktika kaj simpla metodo por kompreni la gramatikon, kaj konvena al ĉiuj popoloj. Sed tio validas nur, se ĉiu el la kvar partoj konsistus el unu aŭ nur kelkaj vortoj: "Viro batis hundon hieraŭ en la parko". Sed la homoj kutime pliampleksigas ĉiun el la kvar partoj, kaj ju pli komplikas la ampleksceo, des pli malsimpla la lingvo kaj la praktikado de la gramatikaj reguloj.

La predikato, la verbo, ampleksiĝas en du manieroj: **1e**. per aldono de infinitivoj, kaj **due** per aldono de agdifinaj vortoj aŭ esprimoj. Ekzemple el "batis" povas veni "volis bati" aŭ "estis batanta". Dum la aliaj tri frazpartoj povas pliampleksiĝi en kvin diversaj manieroj, la aldono ante difinan predikativon al la verbo estas verŝajne la plej malfacile komprenebla parto de la

Esperanta, kaj etnolingva, gramatikoi. Ĉar dum estas facila vidi ke ekzistas speciala rozo, ruĝa rozo, malfacilas vidi la diversajn specojn de ago. Kaj tion faras la predikativoj: el la ĝenerala ago "juĝi" ni akiras la specifan agon "juĝi kulpa", kiu estas nur unu, sed speciala, ago. En Esperanto oni povus esprimi ĝin eĉ en unu vorto: "kulpjuĝi". Same en la germana "*beschuldigen*" el "*schuldig beurteilen*", en neuzata angla ":*guiltify*". La malfacileco ne kuŝas nur en la neceso, diferencigi diversajn specojn de unu simpla ago, "juĝi", sed en la neceso vidi la diferencon inter tia diversigo de unu ago, "juĝi", kaj la difinado de ago per adverbo aŭ prepozitivo, kiel en "ĝuste juĝi" kaj "juĝi per la uzo de la leĝo". En la lasta kazo temas ne pri speciala speco de juĝado, sed pri hazarda okazo de la ago "juĝi", por kio oni uzas adjektojn, ne predikativojn.

Krom ke tia diferencigo ante agojn per predikativoj, interesa sed malsimpla esprimmaniero en Esperanto ĉar en eŭropaj lingvoj, sed ne necese en aliaj lingvoj, la fakto estas, ke ni tute ne bezonas, en Esperanto kaj en eŭropaj lingvoj, tiun sistemon de predikativoj. Anstataŭ diri" ni juĝas lin kulpa" ni povas diri, kaj ofte diras, "Ni juĝas ke li estas kulpa", sen predikativo, do sen gramatika problemo. Teorie ni do ne bezonas lerni la ekziston de predikativoj. Unu helpilo estas scii, ke en subjektaj kaj en objektaj predikativoj oni ĉiam povas meti antaŭ ĝi la verbon "esti": "Ŝi restas (esti) komunisto" (subjekta) kaj "Ili elektis Trump'on (esti) prezidisto" (objekta). Do kvankam vi ne bezonas lerni kaj uzi predikativojn por vi mem, vi devas scii pri ili ĉar aliaj personoj eble uzas ilin.

La predikativo kutime estas AŬ substantivo, "Li restas prezidanto", AŬ adjektivo: "Ni deziras lin tiel vestita", AŬ Infinitivo: "Ami estas morti iomete". Predikativo estas nominativo, do normale ne havas la finaĵon "-n". Ĝi ĉiam estas parto de la predikato, dum la objekto kaj la adjektoj ne estas, kiel en "La aŭtomobilo UZAS benzinon", kun nur "uzas" la predikato, kaj kiel en "La aŭtomobilo FUNKCIAS per benzino", kun "funkcias" kiel la nura predikato, dum en "La aŭtomobilo ESTAS BENZINAŬTO" kaj en "Ni TROVIS la aŭtomobilon TRO MULTEKOSTA" la predikatoj estas "estas benzinaŭto" kaj "trovis tro mulktekosta", la predikatoj enhavantaj predikativojn. *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 13 Mi fariĝas ankaŭ ĉerkoportisto. Unua ero



Mi iris al la Kopenhaga Entombiga Servo. Tie mi dungiĝis kiel ĉerkoportisto. Mi diras ĉerkoportiston, sed fakte en la dana oni diras kadavroportiston, eble ĉar oni preferas nomi ŝpaton ŝpato !

Unue oni sendis min al iu tajloro en la urbo, kaj montriĝis, ke estas tiu sama, al kiu sendis min la noktogardistestro. Diris la tajloro al mi, "dum la noktoj vi eliras kaj batas al krimuloj la kapon, kaj dum la tagoj vi entombigas ilin !" Mi devis konfesi, ke oni povus tion kredi, kvankam mi neniam batis al iu ajn la kapon.

La mono estis bona, kaj preskaŭ pli ol sufiĉa. Kelkajn tagojn mi havis pli ol tri entombigojn. Oni komencas en unu tombejo, solene portas la ĉerkon kun la mortinto. Oni ĉeestas la enterigan ceremonion, kaj se la mortinto havas neniujn parencojn kaj geamikojn, oni restas por ŝajnigi sin almenaŭ amiko. Tiam oni devas, kiom eble plej rapide, bicikli al la venonta tombejo.

Plej bone estis, kiam ĉiuj tri entombigoj okazas en la sama tombejo. Tiam oni jam estas tie, ĉu ne ?

Se ne estis sufiĉe da tempo por bicikli de unu tombejo al la alia, ni rajtis preni taksion. Necesis klarigi al la ŝoforo, ke ni laboras por la Kopenhaga Entombiga Servo, tiam ni veturis senpage, kaj fakturo sendatis al la Entombiga Servo.

Iam el la ĉielo falis dana flugmaŝino en Hispanujo plena de danaj turistoj, la plej multaj el Kopenhago. Mi kuŝis hejme en mia lito dum la antaŭtagmezo, kiam viro frapis la pordon. Estas multege da entombigoj post nur unu horo. Ellitiĝu kaj venu, ĉiu en nur unu tombejo, fakte en tiu sama, kiun mi tre bone konis. Tiuj estis la viktimoj de la flugmaŝinakcidento. Mi eliris kaj perlaboris multe da mono. *Daŭrigota* *BobFelby*



# LA JUNULARA FESTIVALO WOODSTOCK 2018




**KAMPANJO POR INFORMI PRI ESPERANTO EN LA JUNULARA FESTIVALO WOODSTOCK 2018**

UEA kaj la Europa Komisiono de UEA petas vian helpon: Helpu nin kolekti 4 500€ por realigi Esperantan agadon en augusto 2018, dum la junulara festivalo Woodstock. Al ĉiuj 2€ donacotaj, UEA aldonos 1 euron; el propra buĝeto, tiel ke organizantoj ricevos entute la sumon de 4500€, almenaŭ. Vi povas sendi vian donacon al UEA konto "Informado", aldonante kiel celon: "por Woodstock" https://uea.org/alighoj/donacoj

Woodstock estas mondfama kultura festivalo, kie partoprenos pli ol 600 000 junuloj inter la 2-a kaj 4-a de augusto 2018. Filmeton kaj pliajn informojn vi trovos ĉe www.gazetaro.org/woodstock

informas AE-on *Katja Steele*

